# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 29/12/2016 Tricentdua eldono (unua eldono 20/09/2011)**



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**



SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **655,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo. https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)



2016

# Feliĉan Novjaron

## Novjaran rezolucion por vi!

## „Subtenu AE per novaĵoj"



2017












La pli juna Roger Springer

# Gramatika Ekzerco 1.



La angla uzas, multe pli ol aliaj lingvoj, komplikajn tempojn per participoj kaj helpverboj. Oni povas diri la samon per simplaj verbformoj. Jen ekzemplo:

"After I (shall) have read the book, I shall send it back to you". En ĝi troviĝas kvin verboj. En Esperanto tio sonus kiel "Post kiam mi estos leginta la libron, mi retrosendos ĝin al

ci". La du frazoj indikas en Esperanto unu agon en la estonteco je momento kiam mi sentos la rezulton de jam fininta alia ago, legi, en la pasinteco al tiu ago "retrosendi", do la rezulton de alia estonta ago. En simpla Esperanto tio legiĝas jene: "Post ol legi la libron mi retrosendos ĝin al ci". En ĉi tiu lasta frazo mi diras ekzakte la samon, per du verboj por du agoj, nome ke mi faros la agon "retrosendi" en estonta momento kiam mi antaŭ tiu "retrosendi-momento" jam finis en la estonteco la alian agon "legi". Alivorte: Du sisekvaj agoj en la estonteco. Kiom pli simple! Ĉar "legi" estas verbo, ĝi indikas ke mi kompletigos la tutan agon "legi" antaŭ la same kompleta ago "retrosendi" poste. Ripete: "Post ol legi la libron, mi retrosendos ĝin al ci".

Noto por lingvistoj: La populariĝo de la kompleksa verbosistemo verŝajne okazis, ĉar ĉe la ŝanĝiĝo el la kontinentaj ĝermanaj lingvoj al la angla la vortoj multe mallongiĝis kaj do la lingvo fariĝis tro mallonga por normala konversaciado, kaj la kompleksado kompensis.

*Marcel Leereveld.*




# La Torkio-Esperanto-Kafo-Klubo deziras al ĉiuj legantoj Feliĉan Novjaron

John kaj Elrae Adams, Marumi kaj Gary Smith

## SOMERO

(El Himnaro Esperanta 229 per Montagu C. Butler)

SUNOJ de somero
Brilas al la ter';
Ĝoja lumo fluas
Ĉien en aer';
Ĉio sentas ĝojon
Pro la belradi';
Mondo kantas laŭdon
Per milvoĉa kri'.



Dio bonfaradas
Al la tuta ter';
Lia amstandardo
Flirtas en liber'.
Larĝa kaj profunda
Kiel la ĉiel'
Estas amo lia,
Kun eterna hel'.



" Gratulojn al Eunice pro ŝia 98a♪♪🎂 ; dankon al Marcel pro la artikolo pri Fidel Castro; kara BES: bela foto, sed kiuj estas la gebeluloj?? Sendube ĉiuj rekonas la homojn en la propra Esperanto-societo kaj ankaŭ tiujn kiujn oni vidas



en kongresoj, sed por ni en la forfora okcidento, multaj vizaĝoj estas tute nekonataj, do mi petas, b.v. ĉiam aldonu nomojn al fotoj por "AE".

**Cetere, Feliĉan kaj sanoplenan 2017 al ĉiuj legantoj, kaj specialan dankon al Roger."**

Vera Payne

# El Japanujo

Karaj amikoj,

Mi kune sendas Kvar fotojn: unu estas de ni, kelkaj membroj de Esperanto-Societo de Kawasaki kun Vjetnama gasto, kaj la alia estas de Monto Fuji, kiun mia ekslernantino fotis. Kaj plus unu foto de Monto Fuji, kiun mi fotis de mia loĝejo. La lasta estas Kinkakuji templo en Kioto, kiun junaj Esperantistoj faris kiel bildkarton.










https://www.facebook.com/ikuko.kitagawa/posts/1155347001186061

Esperanto-Festo en Tokio.

Ikuko

Ĉion bonan por la nova jaro!

Amike,
Hisasi kaj Ikuko

# EŬROPISMIGO ANTE ESPERANTON.



La eŭropanoj aĉe eŭropismigas Esperanton en pluraj manieroj.

Unue ili kreas kaj uzas multege da neologismoj nenecesaj, kiujn ili prenis kaj prenas el eŭropaj lingvoj. Ili simple donas al la franca aŭ angla aŭ alilingva vorto Esperantan aspekton, anstataŭ krei novan vorton el la oficiala Esperanto-vortaro, kiel faradas la angla lingvo. Ja por neperfektuloj estas pli facila, uzi vorton el sia propra lingvo ol trovi la ĝustan kombinaĵon de Esperantaj vortoj. La rezulto estos speco de Basic-European, Baza-Eŭropa vortaro kun Esperanta gramatiko.

Due la eŭropanoj devigis Zamenhof'on enkonduki en sian lingvon eŭropajn gramatikaĵojn mal-logikajn kaj malpraktikajn, kiel ekzemple la pasivan voĉon adjektivan kaj la prepozicion "de" kun kvar tute malsamaj signifoj.

Trie la eŭropanoj eĉ kreas novajn vortojn per ĝusta vortkunmetado de jamaj oficialaj radikoj sed uzante malĝustajn radikojn pro eŭropeca mensmalvasteco.

Jen unu ekzemplo. La arboj en Eŭropo dividiĝas precipe en du specojn, nome la arboj kiuj perdas ĉiujn siajn foliojn en la aŭtuno, kaj la arboj kiuj perdas siajn pingloformajn foliojn dum la tuta jaro. Ĉiuj do faligas siajn foliojn, kaj do estas falfoliaj arboj. Sed la eŭropanoj evidente ne scias tion, almenaŭ ne la Esperantistoj. Aŭ eble kaj strange ili ne konsideras la pinglojn de la koniferoj esti folioj. Se ili internacimense scius ke la plej multaj arboj en Aŭstralio, ekzemple la eŭkaliptoj, estas ankaŭ falfoliaj arboj, kvankam ili perdas siajn foliojn dum la tuta jaro, kaj dum la tuta jaro ili tenas parton de sia foliaro sur la arbo, ili scius ke la Esperanta vorto "falfolia" estas sensencaĵo. La esenca diferenco inter la du grupoj de arboj, unuflanke la eŭropaj kiuj perdas siajn foliojn en unu sezono kaj aliflanke la koniferoj kaj la aŭstraliaj eŭkaliptoj, kaj multaj aliaj tiaj en ekz. Brazilo, kiuj perdas siajn foliojn dum ĉiuj kvar sezonoj, do ĉiuj falfoliaj. Ne estas la falado, aŭ nefalado, de la folioj, sed estas ke unu grupo faligas siajn foliojn en unu certa sezono kaj nomiĝu sezonfoliaj, kaj la alia grupo faligas siajn foliojn en ĉiuj sezonoj, do nomiĝu jarfoliaj. Sed ili ĉiuj estas falfoliaj. Notu ke ekzistas kelkaj arboj ĉe kiuj la folioj ne plu ekzistas, kaj kie tigoj transprenis la funkciojn. Notu plue, ke kelkaj koniferoj, ekzemple la metasekojoj en mia ĝardeno, perdas siajn belkolorajn platajn pinglojn en la aŭtuno kaj do estas sezonfoliaj koniferoj, dum ĉe la ankaŭ en mia ĝardeno kreskantaj, al la koniferoj rilataj, ginkgoj (el ĉina ginkyo = arĝenta aprikoto) ŝajnas ke dum ilia historio la pingloj kunfandiĝis ĝis plataj folioj, kiujn la arboj faligas sezone, en la aŭtuno, do ankaŭ ili estas sezonarboj aŭ sezonfoliaj arboj, kontraŭe al iliaj fratoj, la koniferoj, kiuj plejmulte estas jarfoliaj arboj, aŭ daŭrfalfoliaj. Mi konsilas al dubuloj en Eŭropo piediri en konifera arbaro por senti sub siaj piedoj ĉu tiuj arboj ne estas "falfoliaj".

Ne nur estas senesperiga, ke unu eŭropa Esperantisto "inventis" la stultan vorton "falfolia", sed eĉ pli ke vortaroj, inkl. P.I.V., ankoraŭ mencias gin. Sed aliflanke vortaristoj, inkluzive de tiuj de PIV, ne brilas pro lingvisma kompetenteco en la Esperanto-mondo. (Legu pri tio mian recenzon pri la Nova P.I.V. en "Scienca Revuo").

Marcel Leereveld.

# MALLONGA RIPETO DE MALAGRABLA KONSTATO.



Se mi, aŭ iuj aliaj angloparolantoj dirus al vi "You are come in time", vi dirus al mi ke mi ne rajtas diri tion, ĉar ĝi estas eraro kaj mi devas diri "You have come in time". Se mi respondus, ke mi nepre volas kaj rajtas diri "You are come in time" ĉar mi ŝatas diversecon kaj mi deziras tiun liberecon en la lingvo, vi dirus aŭ pensus ke mi estas idioto se mi faras tion kaj ke mi ne respektas la anglan lingvon. Ĉu vi pravas? Jes, ĉar mi devas respekti la anglan lingvon anstataŭ ŝanĝi ĝin pro frivola kaprico mia. Tio validas por ĉiuj etnaj lingvoj.

Tio validas ankaŭ por Esperanto, se mi volas respekti ĝin kaj se mi volas trakti Esperanton same serioze kiel mi traktas mian aŭ vian etnan lingvon. Do tiuj Esperantistoj kiuj diras la gramatike malĝustan "Francio" (anstataŭ Francujo) kaj diras ke ili rajtas iom da diverseco, estas same strangaj kaj same malrespektas nian lingvon. La samo validas por neuzo de ĉeflitero ĉe tagoj kaj monatoj.

Multaj Esperantistoj tial ne konscias ke ili ne respektas Esperanton same kiel sian etnan lingvon kaj trovas ĝin malpli grava, malpli valora, ol etnajn lingvojn. Do nur ludaĵon.

Marcel Leereveld.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Karaj geamikoj,

Jen eta karto kun bondeziroj. Sur la foto kiun mi faris antaŭ kelkaj tagoj vi povas vidi min kun la fama aŭstraliano Steve Irwin.

Amike, Nicole



*El varma Aŭstralio mi deziras al vi agrablajn jarfinajn festojn kaj sanan novan jaron!*




Jen filmeto pri kelkaj el la plej bonaj manieroj lerni Esperanton. Kaj ŝi eĉ mencias min je 4:05 minutoj post la komenco!

https://www.youtube.com/watch?v=qxWNvUcZBF8 Amike, Nicole Else

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# Bonan novjaron al ĉiuj

Roger kaj la novaĵletero